*ELIN PELIN*

# *KVAR RAKONTOJ*

FRATOJ
MALFELIĈO
SÂLZA MLADENOVA
ADVOKATO

*Tradukis el bulgara lingvo*
*kun permeso de l' aŭtoro*
*AT. D. ATANASOV — ADA*

*SOFIA*
*Esperanto-presejo „Kultura“*
*1939*

## KELKAJ ANTAŬNOTOJ

EN la jena libreto mi prezentas al la esperantista publiko en esperanta traduko kvar rakontojn de la konata bulgara beletristo Elin Pelin.

Multaj bulgaraj esperantistoj ĝis nun entreprenis tradukon de apartaj rakontoj de Elin Pelin; tiuj tradukoj aperis en diversaj gazetoj. En 1924 jaro aperis en aparta libreto la esperanta traduko de lia novelo «La familio Gerak».

La unuaj du rakontoj de la nuna eldono jam aperis en esperanta traduko en la gazeto «Bulgara Esperantisto»; la rakonto «Fratoj», en traduko de S-ro G. Fandikov, estis eĉ represita en apartaj broŝuretoj en jaro 1921; ĉar s-ro Fandikov ne donis sian konsenton por la nuna reeldono de la rakonto, mi donas ĉi tie mian propran tradukon, faritan de mi ankoraŭ en 1912 (samtempe kun la traduko de la dua rakonto «Malfeliĉo»), por kio mi ricevis la permeson de la aŭtoro.

Jam en 1912 jaro la bulgara artpentristo kaj verkisto Nikolaj Rajnov (nun profesoro en la Art-akademio en Sofia), laŭ mia peto, faris tri ilustraĵojn speciale por la esperanta eldono de la du rakontoj. Tiuj ilustraĵoj nun estas enmetataj en la libreto.

La du unuaj rakontoj prezentas humore kaj en ioma grado sarkasme momentojn el la vivo de l'monaĥoj. En tiuj ĉi rakontoj estas uzitaj la vortoj «patro» kaj «frato» kiel kutima titolado de monaĥoj (ili intertitolas sin «frato», kaj por la ekstermonaĥa mondo ĉiu monaĥo estas «patro»).

La du ceteraj rakontoj — «Sâlza Mladenova» kaj «Advokato», kiuj povas doni ideon pri la karaktero de serio da Elin-Pelin'aj verkoj, aperas nun la unuan fojon en esperanto.

Sofia, 5 nov. 1938.

**At. D. Atanasov — Ada**

# *FRATOJ*

Patro Kiril kuŝas senmove sur la lito en la malluma angulo de sia larĝa ĉambro kaj apenaŭ spiras. En la nigriĝinta ikonujo super lia kapo flagretas lucerno kaj ĝia kaduka lumo pelas sur la muroj mallumajn kaj malklarajn ombrojn de la mebloj.

Ĉe la mortanto deĵoras la fratoj Onufrij kaj Ignatij.

Ili sidas unu kontraŭ alia ĉe la tablo, apud la lito, silente legas la psalmaron antaŭ unu bruligita kandelo kaj de tempo al tempo ili enverŝas al si po glaseto da brando el la granda nigra botelo, kiu staras sur la tablo antaŭ ili.

En la monaĥejo jam de longe ĉio estas ekdorminta. Akra vento blovegas ekstere, frapas sur la fenestrojn, eniras en la ladajn tubojn de la forno brulanta malantaŭ la pordo kaj ekkantas strange: „Donu pacon, Dio!“ ... Tiu ĉi mistera kanto por momento sufokas la dormemajn kaj fervorajn preĝojn de patro Ignatij, kiu murmuras per siaj dikaj lipoj:

— Dio kompatu, Dio kompatu, Di... kom... Di... kom..

Patro Ignatij de tempo al tempo laŭtigas sian voĉon, kaj ĝi dissŭtas sin en la larĝa ĉambro

kvazaŭ akra ŝtona krako, kiu ŝajne venas ie el la grandaj tabulaj ŝrankoj, batas sin al la kvar muroj, al la planko, al la fenestroj kaj falas en la flagrantan lucernon, kiu tremetas kaj kraketas.

La malgranda korpo de la maljuna patro Onufrij, perdita en la larĝa sutano, sidas senmove metita sur la seĝo, kiel saketo. Lia kapo pendas super la psalmaro, sed liaj lipoj ne moviĝas kaj la palpebroj de liaj okuloj estas fermitaj.

La vento pli forte ekfrapis sur la fenestron kaj malgaje ekkantis en la forno per iaj infanaj voĉoj, malproksimaj kvazaŭ el la alia mondo: „Donu pacon, Dio!“ . . .

Patro Onufrij levis timvekite la kapon, ekrigardis patron Ignatij kaj demandis:

— Kion vi diras?

— Ĉu vi dormas? — ekrigardis lin subbrove patro Ignatij.

— Ekŝajnis al mi, ke vi min vokis — ekfrotis dormeme siajn okulojn Onufrij.

— Vokas vin tiuj — la kornuloj — diraĉis al li patro Onufrij kaj daŭrigis legi.

— Legu pli mallaŭte — rimarkigis patro Onufrij, montrante per rigardo la malsanulon.

Ignatij ekrigardis severe sian malgrandan kamaradon kaj daŭrigis murmuri.

— Aŭskultu, Ignatij, de tiu homo tie la animo eliras, kaj vi babiladas super lia kapo kiel muelejo — ripetis sian rimarkigon Onufrij.

— Se ĝi eliras, ĝi eliru do, ja por ĝia bono mi legas. Vi pensas, ke ĝi estas tre pura, ha?

Ankaŭ ĝi estas kiel la via. Ni preĝu por ĝi — diris malĝentile patro Ignatij.

— He, eksopiris Onufrij, granda avarulo li estis... Li pensis, ke neniam li mortos, sed jen — la horo ekbatis...

La vizaĝo de patro Onufrij fariĝis malĝoja kaj medita.

Patro Ignatij ĉesis murmuri. Ekestis daŭra silentado.

— Akvo-o-n, akveton! — ekĝemis la malsanulo kvazaŭ el tombo kaj lia osteca mano ekpendis sur la lito kiel fortranĉita.

Ambaŭ monaĥoj stariĝis kaj sin ekrigardis, kvazaŭ sin demandis, kion fari. Sur la muro malantaŭ ili rektiĝis iliaj du mallumaj ombroj kaj ekstaris senmove, kvazaŭ atendante ordonojn. La lucerno ekflagris forte kaj tuj eklumis denove. La ŝranko mistere grincis. La vento ekbatis sur la fenestron kaj en la tuboj de la forno denove ekkantis tiuj malproksimaj vagantaj infanvoĉoj. En la ĉelo farigis timige, kvazaŭ nevideblaj ŝtelistoj eniris kaj rapide ekserĉis.

Patro Ignatij metis la fingron sur siajn lipojn kaj elparolis mistere:

— La morto estas veninta!

— Akveton! — ĝemis denove la malsanulo kaj sin turnis al la fratoj. Sur lia vizaĝo blanka kaj kaduka estis legeblaj tedo kaj peno ekparoli ankoraŭ unu fojon. Lia blanka kiel neĝo barbo tremis, la lipoj movetis sin.

Patro Ignatij etendis al li glason da akvo. La malsanulo ekĝemis, turnis sian vizaĝon al la muro kaj ne volis trinki.

— Li ne kutimas trinki akvon, la kompatinda — ekridis patro Onufrij sensone.

Ambaŭ kliniĝis super la lito kaj aŭskultadis longe.

— Li spiras — diris patro Ignatij.

— Estingiĝas jam lia kandelo — diris patro Onufrij kaj aldoninte: „Tiu ĉi homo havis monon,“ ekrigardis multsignife patron Ignatij.

— Havis — jesis penseme Ignatij.

Onufrij kliniĝis al lia orelo kaj diris mallaŭte:

— Ĉu ni ne povas lin ĉirkaŭpalpi?

— Atendu, ke li mortu, — respondis patro Ignatij kaj metis sian fingron sur la buŝon.

Ambaŭ residiĝis apud la tablo. Patro Ignatij eklegis, patro Onufrij apogis sian kapon sur la manoj kaj enpensiĝis.

En la ĉambro denove ekportis sin mistera murmurado de legantaj lipoj. La ombroj denove malpace ekkuris sur la muroj. La vento ree ekkantis en la forno.

— Longa nokto, fi! — eksopiris patro Onufrij. — Kiel ni pasigos ĝin!...

— Mi laciĝis! — ekrigardis lin patro Ignatij, fermante la psalmaron kaj preninte la ludkartojn, kiuj kuŝis sur la tablo.

— Ĉu ni klakigu ilin?

— Ha! — plaŭdigis la manojn patro Ignatij, kial do vi ja ĝis nun silentas?



Kaj lia vizaĝo ekridis.

Patro Onufrij enverŝis po glaso da brando kaj ĵetis la kartojn.

— Dupartigu!...

Ignatij faldis supren la grandajn manikojn de sia sutano kaj prenis la kartojn.

En la profunda monaĥeja silento de la ĉambro aŭdiĝis la konkuraj murmuroj de la ludantoj kaj la frapoj de la kartoj, kiuj klakis sur la nuda tablo, kiel grandaj, maloftaj gutoj de pluvo antaŭ tempesto.

La vento ĉiam pli insiste batis la fenestron. Tiuj nevideblaj vagantaj orfulaj voĉoj denove ekkantis en la forno sian: „Donu pacon, Dio“ kaj iliaj sonoj disportiĝis, sufokiĝis kaj ekmortadis, kiel enteriga kanto super dezerta tombaro.

— Akvon, akveton! — ekĝemis per seka voĉo la mortanto, sed la fratoj, ebriigitaj de brando kaj enlogitaj de la kartludo, ne aŭdis lin.

— Akvon! — ripetis patro Kiril kaj en lia voĉo trasonis la teruro de superhoma penego, venkita de la morto.

Lia blanka kapo leviĝis de la kuseno kaj falis denove kiel fortranĉita.

— Li finis! — diris la fratoj, lasis la kartojn kaj stariĝis samtempe, kiel aŭtomatoj.

Kaj, alproksimiĝante al li, ili diris inter si ion murmure kaj komencis palpi sub la kuseno kaj la matraco, sur kiu kuŝis la mortinto. Ili eltiris multekostan sukcenan cigaringon.

— Ha! — eksopiris patro Onufrij, rigardante ĝin, — Ignatij, donu ĝin al mi!...

— Ne, mi trovis ĝin...

— Vi ja ne estas fumanto kiel mi...

— Ne gravas...

Kaj Ignatij ŝovis ĝin en la poŝon de sia sutano...

— Halt'!... La monujon!...

Ambaŭ proksimiĝis al la kandelo sur la tablo kaj emocie komencis serĉi en la leda monsaketo...

— Unu, du, tri... dudek napoleonoj...

— Do po dek...

— Ĉu ni serĉu ankoraŭ?...

— Sufiĉe!...

Ambaŭ denove sidiĝis ĉe la tablo.

— Kia longa nokto! — oscedis Ignatij kaj signis krucon.

— Nu, ĵetu la kartojn...

— Ĉu estas mia vico?...

— Via...

La kartludo komenciĝis denove.

Kaj la nokto plupasis malhela, silenta kaj mistera. Plupasis nesenteble, senbrue kaj malpeze. La ventego ekstere kvazaŭ ĉesis. Tra la fenestroj de la ĉambro alrigardis la krepuska mateno kaj trovis la du fratojn enlogitaj ankoraŭ en la kartludo.

La lucerno super la kapo de la mortinto estis estingiĝinta.

••••••••

# *MALFELIĈO*

Kio estis okazinta, ke la gaja, vivema, eterne ridanta patro Piomij, kiel neniam, sidis sur la sojlo de sia ĉelo, malĝoja kaj meditanta?

Ĉu por malĝojo estis tiu ĉi bela somera tago?

Jen. Sur la vasta monaĥeja korto, superŝutita de suno kaj ĝojo, pace kaj trankvile fluas la sentempesta vivo de la fratoj, ĉiuj kontentaj kaj feliĉaj. La maljunega patro Sisoj, kiun la fratoj nomas avino Aglida, kiel ĉiam trankvile kaj aŭtomate ŝpinas je la radŝpinilo antaŭ la granda monaĥeja pordo. La du belaj fraŭlinoj — gastinoj en tiu ĉi sankta loĝejo — grave promenas sur la korto, tenante sin brake, kaj gaje parolas inter si. Preter ili de tempo al tempo pasas la juna patro Ignatij, respekte klinas sin al ili kaj lia vizaĝo distiriĝas pro rideto ĝis la oreloj mem. Sur la plumba preĝeja tegmento sin interamas la kolomboj. En la korto du belaj pavoj etendas siajn plumojn fiere kontraŭ la suno kaj ĝoje krias. Ĉirkaŭe la arbaro kaj la montaj suproj alte kaj kviete banas sin en la pura lazuro de la ĉielo. Ĉio vivas kiel antaŭe en ordo kaj rezigno je la sorto kaj ĝojas danke la belan Dian mondon.




Evstati Parvanov Cifudov

Kaj meze de tiu ĉi kvieta, pia senlaŭteco aŭdiĝas la dolĉa unutona bruo de la du monaĥejaj fontanoj, kiuj murmuras karese al la oreloj, al la koro, al la cerbo kaj al la animo, kaj dolĉe kantas: dormu, dormu, dormu . . .

Nur patro Piomij estas for de tiu ĉi ĝojo kaj, perdite tuta en la malgajo de sia animo, li sidas sur la sojlo de sia ĉelo kaj meditas.

Pasas, pasadas la fratoj preter li, ĉiu al sia okupo, kaj li apenaŭ respondas al ilia saluto kaj ne levas la okulojn por ilin ekrigardi. Pasis unu horo, du, tri, proksimiĝis tagmezo, sed li ne formoviĝis de sia loko.

La abato kun granda fiŝhoko en la mano jam revenis de fiŝkaptado, tute ruĝa kaj ŝvitanta. Pasante preter li, tiu ĉi eltiris el sia poŝo du grandajn trutojn, kiuj ankoraŭ sin movis, kaj, estante ĉiam gaja, montris ilin kun petola tono:

— Patro Piomij, vidu kiel ili sin movas!

Patro Piomij levis sian kapon kaj ekrigardis la abaton per tia malĝoja kaj korprema rigardo, ke lin igis retiri sin du paŝojn malantaŭen kaj tuj estiĝi serioza.

— Kio estas, patro Piomij, kio okazis? — demandis time kaj kondolence la abato.

Patro Piomij eksopiris kaj stariĝis. Lia vizaĝo estis pala kiel vizaĝo de ikono. Kaj li tuta aspektis kvazaŭ ĵus estus premita de veturilo.

— Kio okazis, patro Piomij, ĉu vi do estas malsana? — ripetis ankoraŭ pli timigite la abato. — Vi sidas, meditas, sopiras! Ĉu do decas tio? Tia bravulo!

— Ĉu vi scias kion, patro? — elparolis patro Piomij kvazaŭ el tombo. — Dediĉi tiom da tempo, da zorgoj, kaj kiam venas la momento ĝoji tion, kion vi faris, vi . . .

— Dio kompatu nin, la pekajn! — signis krucon la abato, tute senraciigita. — Kio do okazis, patro Piomij?

— Mi estas pereigita, patro abato, mi estas senesperigita!... Tiel necerta estas la homo en siaj esperoj! — profunde sopiris patro Piomij.

— Trankviliĝu, patro . . . Eble ne ĉio estas perdita.

— Ne, ĉio, ĉio estas perdita! — eldiris per tremanta voĉo Piomij.

— Ne malesperiĝu, patro . . . Diru, konfesu al mi . . . . Ĉu estas peko? . . . Ĉu estas tento, ĉu malsano?

— Ankoraŭ pli malbona, patro!

— Dio Sinjoro! Ĉu vi ne enamiĝis denove? Hu, kia afero! Nu rakontu do . . .

— Tiel la homo perdas kredon je la bono, kaj je Dio, kaj je la laboro, kaj je ĉio, — patro Piomij lasis la manon fali kaj ree sidiĝis sur la sojlo.

— La vin-o-o-o, la vineto — la trijara, foriris kaj malaperis! — ekploris subite li kaj aldonis tralarme: . . . Ĉu vi scias, patro, kio estis fariĝonta el ĝi? . . . Forfluis, forfluis senrevene!

— Ĉu tiel! — kunfrapis la manojn patr' abato.

Kaj ambaŭ monaĥoj longe silentis, ne ekrigardante sin reciproke. La unu konfidis sian malfeliĉon, la alia plene ĝin komprenis kaj eksentis. Poste l'abato sidiĝis apud patro Piomij kaj demandis lin kun kortuŝeco, propra al la animoj, kiuj amas unu aferon, kiuj kredas je unu afero kaj kiuj tute sin renkontas kaj sin komprenas pri tiu afero.

— Ho, fia okazo! kiel do ĝi fariĝis? . . .

— Dumnokte rompiĝis unu ringo de la barelo kaj la vino elfluis ĝis lasta guto.

— Ĝis guto!

— Ĝis lasta guteto!

— Malfeliĉo!

— Venu, venu nur por vidi — levis la okulojn patro Piomij. . . — Pro doloro mi eĉ ne ektuŝis ĝin: mi vidis, mi ĝin ekskuis kaj forkuris, por ne rigardi!

En tiu momento preter ili pasis la rapidema patro Gerasim. Vidinte la du fratojn maltrankvilaj kaj malĝojaj, li haltis kaj demandis per sia virineca voĉo:

— Kio estas okazinta, mi petas? . . .

— Kio estas okazinta? — La sigelita barelo de Piomij estas forfluinta — respondis iom malafable patr' abato.

— U-u! . . . e-e! . . . kaj nun? — aligis ankaŭ sian malĝojon patro Gerasim.

Post malmulta tempo venis patro Nikifor, poste patro Maksim, post li Teodosij, Paisij, kolektiĝis ĉiuj fratoj de la monaĥejo. Eĉ avino Aglida lasis la ŝpinradon kaj venis. Kaj ĉiuj eligis klaksonojn per lango kaj dentoj, ĉiuj koleris, ĉiuj murmuris inter si ion, kvazaŭ ĉeestis mortinto.

Patro Piomij enkondukis ilin en sian malvastan keleton, kie estis okazinta la malfeliĉo. Ĉiuj videme amasiĝis ĉirkaŭ la barelo, kiu ankoraŭ larmis inter la disiĝintaj arktabuloj.




Malmulta lumo venis el tra la nura fenestreto kaj melankolie ĵetis helon sur la mortintan barelon. La dolĉodoro de la disŝutita vino plenigis la keleton. La patroj amasiĝis silente ĉirkaŭ la barelo kaj sur iliaj barbaj vizaĝoj estis legebla profunda bedaŭro, kvazaŭ ili sin trovis ne antaŭ fendita barelo, sed antaŭ granda homa koro, disrompita de malfeliĉo.

— Dio ĝin absolvu! — elparolis iu per mistera voĉo.

Kaj ĉiuj kun sopiro ekrigardis la patron Piomij, kiu staris flanke ruinigita, perdinta kredon kaj esperon, kaj ĉiuj silentis, kaj neniu povis trovi almenaŭ unu konsolan vorteton por diri al li.

••••••••

## *SÂLZA MLADENOVA*

La ekzameno finiĝis sukcese antaŭ kelkaj tagoj kaj la instruistino Sâlza Mladenova, klinita super la malgranda tablo en la malvasta instruista ĉambro, finskribis la atestilojn de la infanoj. Sur la muroj jam ekpendis araneaj fadenoj. El la ŝranko, en kiu kuŝis du-tri ŝiritaj libroj, el la malnova geografia karto de la du teraj duonoj, pendanta kiel rompita flugilo sur la muro, el la nigra tabulo, el la kalkulhelpilo, el la polvokovrita terglobo, sur kiu estis metita la ĉifita ĉapo de la lernejservisto, el la malrektiĝinta fera forno, kies koro ŝajnis neniam esti brulinta — el ĉio ĉi alblovis ĉagreno, dormemo kaj malkredo en la scienco. La homskeleto estis duonturnita en la angulo kun ironia rideto, kaj la remburita nigra korvo rigardis ĝin kun klinita kapo desuper la altaĵo de la ŝranko, preta, kiel la fatala korvo de Edgar Poe, pronunci la malbonaŭguran — „Neniam plu!“

Ekstere en la vasta neĉirkaŭbarita korto brilis milda maja suno, kaj unu kaprino kun bandaĝita kruro pieme elŝiris herberojn el la dornkreskaĵoj kaj blekis pro plezuro. La homoj estis okupitaj per sia surkampara laboro kaj en la vilaĝo estis aŭdata nenio, krom la dolĉa kaj dor-

memiga zumado de la abeloj kaj la disputado de la paseroj.

La instruistino skribis nerve, rapide kaj ne levis la kapon por ekrigardi eksteren. De temp'al tempo ŝi reordigis super sia frunto la buklecajn tufetojn de la haroj kaj daŭrigis la skribadon. Ŝi ja rapidas fini ĉion, ĉar post du tagoj ŝi edziniĝos.

— Ĉu du aŭ tri tagoj restis? — ŝi ekpensas, relasante la plumingon. — Ĉu du aŭ tri tagoj?

Tutan semajnon ŝi jam nombras la tagojn unu post alia kaj ĉiam eraras. Ŝi estas tiom okupata, ke ne vidas, kiam ili forpasas, kaj tamen al ŝi ŝajnas, ke la tempo marŝas iel nenormale, ke post ĉiu nokto venas denove la antaŭa tago. Jen ŝi ankaŭ nun ne scias, kiu tago estas hodiaŭ — ĵaŭdo aŭ merkredo.

— Avo Pene, kiun tagon ni havas hodiaŭ? — ŝi subite ekdemandas kaj turnas sin al la angulo — post la forno.

Sed jam tie ne dormetas, la pipon enbuŝe, la bonanima kripla figuro de la surda lernejservisto avo Pene. Lia laboro ja finiĝis kune kun la farita ekzameno kaj ŝia demando restas sen respondo.

Sâlza Mladenova ekridetas pri sia distreco, ŝia malgranda birdosimila vizaĝeto brilas beate, la revoj ekportas ŝin al ŝia feliĉo, kiu jam ne estas malproksime kaj por kiu ŝi donas sian tutan koron, sian tutan amon. Ŝi vidas sin junedzino, tenata brake de sia karulo, la tuta vestita blanke,

kvazaŭ floranta prunarbo, kun diademo de blankaj malgrandaj artefaritaj floroj, kiujn ŝi konservos por ĉiam kiel sanktan rememoraĵon. Vualo delikata kiel sunnebulo ĉirkaŭas ŝin de la kapo ĝis la piedoj. Ŝi paŝas gracie kun siaj malgrandaj blankaj ŝuoj kaj salutas per rigardo siajn gesamurbanojn, kiuj ŝin observas envieme, kolektitaj je amasetoj antaŭ la eksteraj dompordoj laŭ la tuta strato en ilia malgranda urbo, ĝis la preĝejo mem. La suno brilas festece. En la ĝardenoj rozoj floras kaj alrigardas tra la ĉirkaŭbariloj al ŝi. La muzikistoj ludas solene. La homoj aŭdas, malfermas la fenestrojn kaj diras: „Hodiaŭ kunedziĝas Sâlza Mladenova“. — En la preĝejo estas kolektitaj ĉiuj instruistoj el la regiono kaj krome dekdu instruistinoj, inter kiuj ŝi estas la plej bela. Ŝi eniras tra la preĝeja pordo. Ĉiuj rigardoj turnas sin al ŝi. Kaj ŝi, ekkaptante sian robon tiamaniere, kiel ŝi mem scias, pasos inter ĉiuj, braksubbrake kun sia amata homo, triumfanta kaj beata, tuta en blanko, feliĉa kaj amplena.

Jes, la geedziĝa tago estas la plej grava tago en la vivo de ĉiu fraŭlino kaj pro tio ĝi devas esti festata kiel eble plej solene. De sia infanaĝo mem ŝi revis kun tremetoj pri tiu tago, kaj jen ĝi jam venas . . . ĝi venas sunplena kaj ridetanta . . .

En ŝia memoro elkreskis la mallonga historio de ŝia amo, kaj ŝia koro ekbatis antaŭ la rememoro pri tiu bela, malgranda, varma poemeto.

En la komenco de la lernjaro, dum la aŭtuno, kiam la folioj flaviĝas kaj defalas, ŝi malfrurestis en la proksima vilaĝo. Ĉe la reveno, la vesperon, akompanis ŝin la tiuloka instruisto, kun kiu ŝi ĵus estis konatiĝinta. Li estis nomata Dobrjan Gorev. Tiu ĉi nomo plaĉis al ŝi multe, ĝi tiel konvenis al li, ke ŝi miris, kiel oni povis trovi por li tiel konvenan nomon[1]). Dobrjan Gorev instruis en sia naskiĝvilaĝo. Lia patro estis vilaĝestro, lia frato — drinkejposedanto, li mem — instruisto, sed krome li okupis sin pri fruktarba kulturado, abelkulturo, li bredis birdojn, laboris abeldometojn, ŝrankojn kaj ankaŭ grenpurigajn maŝinojn.

Dum la irado ili parolis nur pri instruistaj aferoj, pri la batpuno en la lernejoj kaj pri la kvin formalaj gradoj[2]).

— La homoj, li diris, inventis gramofonojn, kinematografojn, Röntgenradiojn, telegrafion senfadenan, flugmaŝinojn, tamen en la pedagogia scienco oni ĉiam ankoraŭ baraktas kun tiuj ĉi malsagacaj kvin formalaj gradoj kaj nenio plu...

Li parolis, kaj ŝi marŝis apud li, rigardis liajn inteligentajn grandajn okulojn, kaj lia rigardo, tiel neharmonianta al lia larĝa vilaĝana vizaĝo, kore ŝin karesis. Estis vespero. Lumis la

---

[1]) La nomo Dobrjan etimologie devenas de la vorto d o b r, kiu signifas „bona“.—R. tr.

[2]) La „kvin formalaj gradoj“ prezentas teorian instrusistemon en la pedagogio, speciale en la didaktiko. — R. Tr.

luno kaj Sâlza ne sentis, kiam ili alvenis en la vilaĝon. Kaj kiel simple! — la sekvantan tagon ŝi ricevis longan amleteron de li.

Post tio ili intervidis sin ĉiutage, ŝi ekamis lin, proksimiĝis al lia familio, kaj nun, post du tagoj, ŝi edziniĝos al li.

Laŭ ŝia deziro ili geedziĝos en ŝia naskiĝurbeto, kie jam ĉio estas pretigita. Sâlza Mladenova denove vidas sin junedzino, blanke vestita, kiel floranta prunarbeto, braksubbrake kun li...

La instruistino skurekonsciiĝas. La pordo estas malfermata kaj tra ĝi brue eniras unu post alia la fianĉo Dobrjan, lia patro kun surŝultrigita jako, ilia baptopatrino Zlatana, virino de forpasinta juneco, sed kun blanke kaj ruĝe farbita vizaĝo. Ili eniris malrapide kaj pezpaŝe. Per unua ekrigardo oni povis ekkoni, ke ili venas kun grava misio. Ekstere ekhaltis kelkaj paroj da piedoj kaj murmurado sin ekportis.

— He, Sâlnjo, tia bela vetero estas, kaj vi enfermis vin ĉi tie, — komencis la baptopatrino.

— Mi volis finskribi la atestilojn.

— Aŭskultu, bofilino, ĉu vi scias, kion ni decidis? — diris la patro, eklevinte la ŝultron, por ĝustigi la jakon sur ĝi.

La instruistino rigidiĝis. Ŝi antaŭsentis esti aŭdonta ne ion bonan.

— Ni decidis, daŭrigis la patro, fari la geedziĝon en la vilaĝo.

— Tiel estos pli bone, aldiris la baptopatrino.

— Ni decidis ne fari superfluajn elspezojn, ja pro tio. Mi kredas, ke vi havos nenion kontraŭ tio, diris la fianĉo kun admona voĉo. — Tiuj geedziĝaj oficialaĵoj jam delonge perdis sian signifon kaj ne estas bezone, ke ni, instruistoj, homoj sen antaŭjuĝoj, ni faru al la publiko plezuron per diversaj spektakloj.

— En la vilaĝo ni ĝin faros eĉ pli gaje, aldiris la ruĝfarbita baptopatrino.

Sâlza Mladenova ekpaliĝis kaj kuntiris la lipojn. Ĉiuj ĉi homoj, kun kiuj ŝi parolis ĝis hieraŭ kiel kun siaj parencoj, nun ekŝajnis al ŝi malproksimaj, fremdaj kaj senkoraj. Ili staris antaŭ ŝi kvazaŭ ŝtelistoj, venintaj por rabi la juvelojn de ŝia riĉa sonĝo, kaj ŝi vidis sin senhelpa, kompatinda, ofendita, kaj ne sciis, kion diri. Dobrjan staris flanke, preskaŭ indiferenta, kaj kun krajono enmane kalkulis ion en ia notlibreto.

— Ĉu vi scias, kiom kostas geedziĝo en la urbo? — li diris kaj ekrigardis ŝin rapide. — Por sensignifa afero elspezi tiom da mono!

Sâlza Mladenova kaŝis sian vizaĝon per la manplatoj.

— Nun, do, kial ĉi-larmoj? — diris la baptopatrino.

— Malsaĝaĵoj! — elparolis la maljunulo.

Dobrjan eliris. Malantaŭ la pordo de la ĉambro oni komencis intermurmuri.

— Kial vi forspezos vian monon? — diris al li ia raŭka voĉo. — Ŝi devus esti dankema, pro ke vi edzinigas ŝin al vi.

Post iom eliris ankaŭ la maljunulo.

— Mi parolis al li edziĝi je vilaĝanino, sed li ja ne obeis. Jen al vi nun sinjorino, ke ŝi larmu al vi, dum ŝi vivos! — diris li malĝentile ekstere.

— Vilaĝanino, ja, sed ŝi ne alportos al mi cent ok ĉiumonate[1]...

— Ĉu ŝi ricevas do cent ok? — demandis malkuraĝe ia nekonata voĉo.

— Cent ok, diris gaje Dobrjan.

— Kaj vi ankaŭ cent ok?...

— Cent ok kaj cent ok — ducent dekses, diris Dobrjan, ekridis elgorĝe kaj aldiris: ne estos al mi malbone.

Sâlza aŭskultis kvazaŭ en sonĝo tiujn ĉi ofendajn parolojn de la fianĉo kaj ŝia koro pleniĝis per ĉagreno.

— He, vi ploros, ploros, kaj kvietiĝos. Ĉu vi pensas, ke, se ni estas vilaĝanoj, vi povos nin surrajdi! — diris la baptopatrino, eliris kaj miksis sian laŭtan ridon kun la interparoloj en la koridoro.

Sâlza levis la kapon kaj rigardis ĉirkaŭe. En la ĉambro estis neniu. Ekstere parolis ŝia fianĉo. Lia voĉo estis seka, malaminda, senkoreca kaj cinika.

---

[1]) Cent ok levoj estis la dimensio de la salajroj de la unuagradaj instruistoj antaŭ la milito (tiama valoro — oraj levoj); tiu sumo ŝajnis tre granda al la simplaj vilaĝanoj. — R. Tr.

—Al virino dispremu la kapon, ĝis ne estos malfrue! — parolis li. Kaj poste:

— Cent ok kaj cent ok — ducent dekses.

La kompatinda malgranda instruistino eksentis sin inter tiuj maldelikataj kampuloj kvazaŭ ŝafido inter lupoj. Ŝia koro, plenplena je ĉagreno kaj vundita per ofendoj, ekploris. Ŝi metis la kapon sur la tablon kaj donis liberecon al siaj larmoj.

Malantaŭ ŝi ironie ridis la homskeleto, alturnita hazarde de iu el la envenintoj. La remburita korvo rigardis ŝin kun klinita kapo desuper la altaĵo de la ŝranko kaj kvazaŭ, kiel la fatala korvo de Edgar Poe, volis diri:

— Neniam plu!...

••••••••

# *ADVOKATO*

La distrikta tribunalo kunsidis en plena konsisto. Ĝi okupis sin je la afero de Mitre Mariin el la vilaĝo Gorosek, kiun lia najbaro juĝigis pri la pafmortigo de ia ĉevalo.

Estis netolerebla varmego. Ekstere, el la strato, tra la fenestroj de la juĝoĉambro, lacigite kaj malespere alrigardis la blankaj muroj de la kontraŭstarantaj domoj, brilantaj pro lumo. En la ĉambro estis sufoke kaj publiko preskaŭ mankis. Nur du-tri vilaĝanoj, kiuj estis ankaŭ atestantoj en la afero, time kaj senmove sidis sur siaj lokoj kaj aŭskultis kun malfermitaj buŝoj.

Parolis la defendanto — malalta, dika advokato, kun granda ventro, kalva kapo kaj eluzitaj vestoj. Li fiksis siajn okulojn al la prezidanto de la tribunalo kaj de tempo al tempo elpoŝigis sian manon kaj, montrante la juĝaton, parolis kun streĉita penego surdigi, konsterni ĉiujn. Sed lia voĉo estis obtuza, raŭka, kvazaŭ ĝi elirus el ia fendita ŝalmo. Li vokis, kriis, montris la ĉielon, levante siajn okulojn al la plafono, kaj je la fino de ĉiu frazo majeste antaŭenigis la bruston kaj larĝe disetendis la manojn. Sed sur la apatiaj kaj senmovaj vizaĝoj de la juĝistoj kuŝis, kiel ĉiam,

tiu neemociigebla juĝista tolereco kaj egalanimeco, kiu neniam esperigas.

La prezidanto estis portata en malproksimaj pripensoj. Unu el la juĝistoj pentris ĉevaletojn. La cetera, kiu havis muzikajn talentojn, estis skribinta antaŭ si grandan muziknoton kaj atente plidimensiigis ĝin per la krajono.

La juĝato Mitre Mariin, malgrandkorpa, blonda vilaĝano, nudpieda kaj ĉemizvestita, staris, la ĉapon enmane, kaj, komprenante nenion el la pledparolado de sia defendanto, observis unu grandan nigran muŝon, frapanta sin kun zumo al la vitroj de la fenestro, ne sukcesante eliri. En iu momento, kiam la advokato eksilentis, por engluti sian salivon, Mitre sin turnis al la pedelo, kiu senpartoprene purigis siajn ungojn apud la pordo, kaj diris al li laŭte:

— Amiko, forpelu tiun ĉi malbenindaĵon, sufiĉe ĝi jam zumaĉis!

La juĝistoj alrigardis lin moke kaj kompate. La prezidanto frapsonigis la sonorileton.

— Mitre Mariin, vi devas kompreni, ke via situacio de juĝato ne estas tre enviinda. La deckonduto postulas, ke vi silentu!

— Ha, ĝi jam elflugis! — diris Mitre, montrante la fenestron.

La juĝistoj denove ekridis. La advokato rigardis severe sian klienton kaj, retrudante al si la mildan rideton, li daŭrigis:

— Jes, sinjoroj juĝistoj! Tiuj ĉi cirkonstancoj devas eniri, tieldire, en la konton. Alivorte,

oni devas klarigi la psikologion, la momenton, iaspece! Prezentu al vi nokton — nigran kiel diablo vilaĝan nokton! Oni povus enigi sian fingron en vian okulon nerimarkeble! Mia kliento kuŝas en la mezo de la korto aŭ ie tie en sia draŝplaco kaj, kun la sankta rajto de civitano, li gardas siajn garbojn kaj la grenamason, kiun li ellaboris sangoŝvite. Li gardas sian penrezulton, iaspece. Tie li kuŝas lacigita pro la ĉiutaga laboro! Li estas forgesinta ĉion. (La atestantoj interrigardis sin konfuze). Ĉion: edzinon, idojn, eĉ la ĉielon, kiel diras la poeto! La laboro dormigis lin profunde. Sed subite... Kion ni vidas, sinjoroj juĝistoj? Kion? Mankas vortoj, per kiuj oni povus esprimi tion! La homa lango mutas!... Jes! Kaj subitmomente mia kliento vekiĝas kaj vidas... Ho, teruro! La vivo de mia kliento pendas je harfadeno! Ĉu do? Super lia kapo staras ia grandega monstro, malbela, timiganta, preta lin engluti! En sia timo, tre nature, mia kliento, sinjoroj juĝistoj, perdas, iaspece, la konscion. Li vidas fajrolangojn el la naztruoj de la monstro, li vidas ĝiajn sangoplenajn okulojn, brilantaj pro ebri... pro krueleco... En sia teruriĝo mia kliento tremas. Li ne scias, kie li troviĝas, li ne scias, kio okazas al li! En duondormo li rapide prenas la pafilon kaj — d-a a-an! — pafas! La monstro falas, poste rektiĝas, transsaltas la plektobarilojn, forkuras sur la kamparon, trovas ian pajlamason, enŝovas sin en ĝin pro doloroj kaj... mortas! He, sinjoroj juĝistoj, mi demandas vin,

je kio estas kulpa mia kliento, se tiu monstro estis nenio alia ol, iaspece, la ĉevalo de ia Petro Mariin? Ĉevalo? — Ia sensignifa ĉevalaĉo, kiu eble apenaŭ kostus kvindek levojn. Jes! Kie do estas ĉi tie la krimo? Kie?... Do, sinjoroj juĝistoj, juĝu kaj pensu! Prenu en konsidero ambaŭ leĝojn: la dian, kiu al ni parolas ĉiuminute gardi nian vivon kontraŭ monstroj kaj ĝenerale kontraŭ ĉio, kaj la homan, kiu dividas la agojn je krimaj kaj nekrimaj... Ambaŭ ĉi-leĝoj senkulpigas mian klienton!

La advokato ekrigardis ĉirkaŭ si grave, forviŝis la ŝviton desur sia frunto kaj sidiĝis, ridetante al sia kliento.

La juĝistoj komencis murmuri inter si daŭre. La prezidanto frapis la sonorilon kaj vokis:

— Juĝato Mitre Mariin?

— Mi! — respondis Mitre soldatmaniere kaj ekstaris disciplinite.

— Kion vi povas diri al ni pri tiu afero?

— Kiu? Ĉu mi?

— Vi do, ja... mi parolas al vi, ĉu ne?

— Mi ja diros ankaŭ, ke tio estas tiel...

— Klarigu, kio do — tio estas tiel?

— Ja pri la ĉevalo — ekkriis laŭte Mitre. — Ĝi ofte eniris en mian korton. Multfoje mi diris al Petro: najbaro, enfermu vian ĉevalon, ĉar alie lupoj ĝin formanĝos! Ĝi faras al mi domaĝon, ja jes! Ĝi frakasis mian ĝardenon. Tuj kiam vespere mallumiĝas, hop! ĝi transsaltas la plektobarilon. Ĝi ruinigis min!... Pro nenio mi koleris, sinjoroj juĝistoj, sed pro la kukurbo...

Mi manĝis mian propran koron, verdire. Ĝi estis unu kukurbo, unu kukurbo, jen — tia! Frakasis ĝin tiu ĉevalaĉo! Mi toleris, toleris, kaj fine diris al mi: atendu, mi igos vin, diablo, kompreni. Mi ŝargis bone la pafilon kaj mi atendas. Meznokte, ĝuste mi estis kuŝiĝonta, jen ĝi — hop, trasaltis. Ja la malbeninda diablo estas senokupa...

— Poste? — demandis la prezidanto.

— Poste! Kio do poste? Mi levis la pafilon kaj... surloke.

— Poste?

— Poste ni ektrenis ĝin, mi kaj mia edzino, ĝis ekster la vilaĝo. Tie ni enŝovis ĝin en la pajlon, intencante ĝin kaŝi, sed ja...

La advokato aŭskultis, kiel lia kliento purkore rakontas la epizodon, kaj tremis pro kolero. Li serĉis okule la okulojn de Mitre, por fulmofrapi lin, sed Mitre kvazaŭ estis forgesinta sian defendiston kaj rigardis nur la prezidanton.

— Kaj kiom kostis, laŭ vi, la ĉevalo? — demandis lin la prezidanto.

— Ĉu do mi scias, kiom kostis? Bona ĉevalo estis, — respondis Mitre.

La advokato frapis kolere la librojn sur la seĝon kaj stariĝis nerve.

La juĝistoj retiris sin por interkonsiliĝo. La pledisto eltrenis Mitre'on en la koridoron kaj, tremante pro kolero, ekkriis al li senespere:

— Bruto! Se vi ne scipovas mensogi, kial do vi serĉas advokaton?

Kaj li kolere malsupreniris tra la ŝtuparo.

---

# ATANAS D. ATANASOV

str. Gladston, 48, **Sofia** (Bulgarujo)

**povas liveri la sekvantajn Esperanto-librojn:**

| | Prezo lv. bulg. | Prezo fr. sv. |
|---|---|---|
| **Kurso de Esperanto por bulgaroj,** VIII eldono, 36—40 miloj . . . | 20 | 1 |
| **Rememoroj de Esperantisto,** de Ada | 20 | 1 |
| **El la intima libro de la Verdurbaj esperantistoj,** de Ada . . . . | 15 | 0·60 |
| **Ĉu estas ebla kaj necesa internacia helplingvo** (de D-ro Iv. D. Ŝiŝmanov, trad. el bulgara lingvo) . . | 5 | 0·25 |
| **La fantaskopo** (rakonto de Svetoslav Minkov, trad. el bulg. lingvo) . . | 5 | 0·25 |
| **Kvar rakontoj** de Elin-Pelin (trad. el bulgara lingvo) . . . . . . . | 5 | 0·25 |
| **Albumo de la bulgaraj esperantistoj** de jaro 1923 (jam historiaĵo) . . | 15 | 0·60 |

**POŜTĈEKKONTO 4343.**

